# Informilo de Ĝemelaj Urboj

N-ro 1 (1) junio de 2002

EKSPRESO DE NOVAĴO

Laborplano kaj komisiito pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"

La 1-an de januaro S-ro Wu Guojiang, vic-prezidanto de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio) rete sendis salutvortojn al nova jaro por 2002. En ili s-ro Wu menciis reagojn al Propono al Esperantistoj en Ĝemelaj Urboj kaj s-ro Renato Corsetti, prezidanto de UEA interesiĝis pri la propono kaj informis s-ron Wu, ke UEA estis serĉinta komisiiton pri Ĝemelaj Urboj. S-ro Wu konsideris la postenon kaj poste la estraro de UEA dum sia januara kunsido diskutis pri la propono, ke s-ro Wu estu komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj". Dum februaro s-ro Wu komisiite redaktis detalan planon kaj enketilon pri la sektoro kaj pere de s-ro Corsetti trans-sendis ilin al la estraranoj de UEA. En la 24-a de marto s-ro Corsetti oficiale sciigis s-ron Wu, ke la estraro decidis nomumi lin komisiito pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj kunlaboris ĉefe kun s-ino Michela Lipari, estrarano pri landa agado, kaj kun s-ro Trevor Steele, ĝenerala direktoro de UEA, kaj li mem restis je dispono por eventuala helpo. En la 4-a de aprilo laŭ deziro de s-ino Lipari s-ro Wu skribis cirkuleron pri laborplano de la projekto kaj ekde la 8-a de majo rete sendis al esperantistaro ĝin kun la skiza laborplano post revizio kaj poluro de Lipari kaj Corsetti.

Laborplano

1. Klopodi kontakt(ig)i esperantistojn loĝantajn en jam ĝemelaj urboj, por ke ili kune proponu kunlaboron al la lokaj instancoj cele al intensigo de la ĝemelaj interŝanĝoj.

2. Verki konsilaron pri kiel kontakti la urbajn aŭtoritatojn, proponante servojn de la esperantistoj en starigo aŭ/kaj plibonigo de interurbaj ĝemelaj rilatoj.

3. Instigi esperantistojn iniciati ĝemelajn rilatojn en propra urbo.

4. Klopodi establi kontaktojn kun institucioj-naciaj kaj internaciaj-kiuj agas en tiu kampo, por interŝanĝo de informoj kaj proponante kunlaboron.

Por tion realigi:

5. alvoki esperantistojn kiuj loĝas en ĝemeligitaj urboj, komuniki al la komisiito la koncernajn urbonomojn kaj ĉu ili jam establis kontaktojn kun la esperantistoj de tiuj urboj.

6. komuniki al la esperantistoj la adresojn de la esperantistoj loĝantaj en la ĝemelurboj por establi kontaktojn.

Reagoj al laborplano

1. S-ro Jawaid Eahsan el Pakistano: Kara Wu Guojiang, mi gratulas vin. Mi esperas, ke vi tre bone laboros por la Projekto "Ĝemelaj Urboj" kiel komisiito. Nune, mi gratulas vin.

2. S-ro Takeuti Yosikazu el Japanio: Kara amiko, kun intereso mi legis vian mesaĝon pri la

esperantistaj kunlaboroj por la interurba ĝemeliĝo. Mi tute samopinias kiel vi tiurilate, kaj fakte konstante laboris en tiu kampo jam pli ol dek jarojn. Eble mi havas multon por interparoli kun vi.

3. S-ro Manfred Westermayer el Germanio: Kara samideano Wu, mi legis vian alvokon rilate la ĝemeligitaj urboj. Eble nia grupo sendos al vi niajn informojn.

4. S-ro Manolo Parra el Hispanio: Ricevinte vian cirkuleron, mi ĝin diskonigis al pluraj hispanaj aktivuloj.

5. S-ro F. J. Braun el Germanio: Estimata samideano, Mi legis vian "Laborplanon" kaj tute konsentas pri tio. Estas vere grava agado.
Kio koncernas min, mi estas iom seniluziita pri la ĝemelaj urboj de mia urbo Bühl.
La unua estis Villefranche sur Saone en Francio, tie ne ekzistas Esperantisto. Kaj ĵus en ĉi tiu monato okazis la ĝemeliĝo kun Vilafranca del Penedes en Hispanio. Bedaŭrinde ankaŭ tie ne troviĝas Esperantisto. Volonte mi estus aganta laŭ via Laborplano kun samideanoj en tiuj urboj, se estintus.

6. S-ino Spomenka Stimec el Kroatio: Saluton, Dum Uk en Zagrebo ni havis specialan ĉambron por aktivecoj de ĝemelaj urboj dum la tuta semajno.
Ĉi-jare grupo da zagrebaj esperantistoj vizitos IFEF-Fervojistan kongreson en la ĝemela urbo de Zagrebo-Kroatio en Plovdiv/Bulgario. Ni informis pri tio niajn urbajn instancojn kaj petis iun dokumenton pri ĝemeliĝo kiun perdis Plovdiv por ke nia delegacio alportu.

7. S-ro Etsuo Miyoshi el Japanio: Kara Estimata s-ro Wu Guojiang, mi kore dankas vian informadon. Sed mi ne havas sufiĉe da tempo pri via agado. Mia celo estas Unu Dio, Unu Mondo, Unu Interlingvo kaj ĉesigi bestajn eksperimentojn. Tiu movado okupas min tute plene. Bv kompreni tion. Se vi bezonas konkretan helpon de mi, bv ne hezitu.

8. S-ro Floreal Martorell el Francio: saluton, mi plusendas vian mesaĝon al la Esperanto-Kultur-Centro de Tuluzo kiu zorgas pri ĉi tiuj rilatoj, Jeanne Marie Cash rekte respondos al vi, esperante ke povos efektiviĝi ĝemeligaj rilatoj kun la ĝemelita urbo en Ĉinio kaj Tuluzo en Francio.

9. S-ro Hans Fechler el Germanio: Estimata sinjoro Wu Guojiang, antaŭ nelonge mi ricevis vian laborplanon rilate al la projekto "Ĝemelaj Urboj". Mi ĝojas, ke LEA iniciatis tiun ĉi projekton kaj ke UEA nomumis vin komisiito tiutaska. Mi deziras al vi, ke vi havadu plenon da energio kaj sufiĉe grandan aron da kunlaborpretaj geamikoj…. Mi vere kunlaborpretas kaj amike salutas vin.

10. S-ro EGAWA Harukuni el Japanio resumis siaj agadojn en akcelo de ĝemela rilato responde al la laborplano. Li substrektis, ke kompreneble Esperanto estas la lingvo uzebla egale kaj laŭvole ne nur inter ĝemelaj urboj sed en la tuta mondo.

URBA STILO KAJ TRAJTO

Urba Historio

Fushun estas antikva urbo kun longa historio, kie homaro aktivis antaŭ 7000 jaroj laŭ studo de

donitaĵoj. Ĝi troviĝas en la nordorienta parto de Ĉinio kun densa arbaro en montaroj. Ĝia geografio-koordinato estas 123º55' je orienta longitudo kaj 41º52' je norda latitudo. Ĝia areo kaj forsto-kovro estas 10816 $km^2$ kaj 64%. Ĝi estis naskiĝloko de la nacio de Manĉuro kaj Qing (Ĉing)-dinastio (1644-1911), lasta feŭda dinastio de Ĉinio. Nun ĝi estas unu el grandegaj urboj kun 2.31 milionoj homoj. Ĝi havas kompletan industrian sistemon kun karbo, elektro, petrolkemio, metalurigo, mekaniko, malpeza industrio, tekstilo ktp. Ĉarmaj naturaj pejzaĝoj kaj historiaj restaĵoj havigas al tiu ĉi urbo ĝui apartajn avantaĝojn en turisman riĉfonton. Septembron ĉiujare Fushun Manĉuran Feston ĉeestas multaj personoj el kelkaj dek landoj por kulturo-interŝanĝo, turismo kaj komercado. Ĝiaj specialaj produktaĵoj estas gagato, sukceno, ginsengo, kratago, drogherboj, manĝfungo, arbo-rano, filiko ktp.

Esperanto-movado

Komence de la 80-aj jaroj de 20 jarcento kelkaj personoj en Fushun kontaktis Esperanton kaj en la 21-a de julio de 1984 fondiĝis Fushun Esperanto-Asocio (FEA). Pli ol 500 personoj ĉeestis diversajn E-kursojn de FEA kaj nun havas 30 membrojn kaj Esperanto-grupeton en Qingyuan-gubernio. Por facili laborojn oni invitas estron de Fushun Minindustria Kolegio (sidejo de FEA) kiel prezidanto de FEA. S-ro Wu Guojiang, s-ro Han Yi kaj s-ro Yu Zhengtong respondecas pri konkreta laboro de la asocio.

Ĝemelitaj Urboj

Fushun oficiale ĝemeliĝis kun la urboj Yubari kaj Iwaki en Japanio, Gladbeck en Germanio, Arad en Rumanio, Lipa en Filipino kaj Foster en Usono. Ofte okazas intervizitoj en la instancoj inter Fushun kaj siaj ĝemelaj urboj, tamen al ili tre mankas al interŝanĝo en Esperanto. Antaŭe FEA havis kontakton kun esperantistoj en Iwaki kaj Gladbeck, sed poste perdis la rilaton. FEA estas serĉanta esperantistojn aŭ Esperantajn organizaĵojn en la ĝemelaj urboj kaj deziras krei kondiĉojn por nova ĝemeliĝo inter Fushun kaj aliaj urboj per Esperanto. Kontaktu s-ron Wu pri tio.

INTER ĜEMELAJ URBOJ

Geedzoj TAKEUTI, Semantoj de Espero

Probable neeble troviĝus kontakto inter esperantistoj de la ĝemelaj urboj Changzhou en Ĉinio kaj Takatuki en Japanio sen amikeca iniciato de s-ino TAKEUTI Tomiko, la forpasinta edzino de TAKEUTI Yosikazu. Probable la rimarkindaj atingoj pri Esperanto en la urboj estus atendita tre longe sen la posta penado de s-ro TAKEUTI.

En 1986, antaŭ ĝemeliĝo de ambaŭ urboj (1987), s-ino Tomiko informiĝis el ĈRI (Ĉina Radio Internacia), ke Changzhou Esperanto-Asocio (CZEA) estis fondita, kaj pere de ĈRI iniciate starigis kontakton kun CZEA. Tio malfermis preludon de amikeca interŝanĝo inter CZEA kaj EST (Esperanto-Societo en Takatuki). S-ro Yosikazu estis profunde kortuŝita de la agado de sia edzino. Poste li dek kelkfoje vizitis Ĉinion por intensigi Esperantan kunlaboron inter la urboj. Grandaj rikoltoj rezultas el lia penado kaj diligenteco, ekz. oficiale ĝemeliĝis la lernejoj Yosumi en Takatuki kaj Dongfang en Changzhou, la diplomitoj de Esperanto-kurso de Dongfang, kiun li ĉiam prizorgis kaj gvidis, fariĝis aktivaj faktoroj naskigi la saman kurson en la mezlernejo Qingtan, CZEA ricevis la titolon "La Bazo de Internacia Interŝanĝo por Eduko kaj Kulturo" de la loka registaro. Kion indas mencii estas karaj spertoj el lia resumo pri ĝemelaj urboj, ili estas (1)

aktive krei modelon de kunlaboroj de esperantistoj en ĝemelaj urboj kaj helpi la ĝemeliĝon de lernejo; (2) senhezite prezenti la sukcesan rezulton al la koncernaj instancoj de la municipo; (3) senĉese konvinki la magistratanojn pri la bezono de Esperanto per konkretaj laborfruktoj. Oni kredas je la punkto, kiel s-ro TAKEUTI Yosikazu elmetis, ke la kunlaboroj de Esperanto-organizaĵoj de ĝemelaj urboj havos ĉiam pli da signifo en nia estonta agado. (Wu Guojiang)

Japanio

En Julio la 50-a Kansajo-Kongreso de Esperanto okazos en la urbo Osaka, Japanio, en kiu esperantistoj el la ĝemela urbo Shanghai estas invitota. En faka kunsido s-ro EGAWA Harukuni prezidos pri ĝemela afero kun la alparolo "Kio estas la temo pri 'Ĝemelaj Urboj' por la movado de Esperanto?".

Nerderlando

La urbo Alkmaar havas ĝemelajn rilatojn kun Bath (Britio), Darmstadt (Germanio), Troyes (Francio) kaj Jata (Hungario). En la urboj krom Bath troviĝas Esperanto-grupoj, kiuj tenas bonan rilaton unu kun la alia. Dum multaj jaroj ili kune organizis renkontiĝojn. Subvenciate de la loka ĝemelurba interŝanĝkomitato esperantistoj el la ĝemelaj urboj estis invitita por festi la 50-jariĝon de Alkmaar Sekcio de Esperanto okazinta en majo de 2001 (Miny Massar).

Germanio

La urbo Hildesheim, en kiu s-ro Hans Fechler loĝas, jam ĝemeliĝis kun Angouleme (Francio), Weston-super-Mare (Britio), Rostovo kaj Gelendjiko (Ruslando), El Minia (Egiptio) kaj Pavia (Italio). Jam dum deko da jaroj tieaj esperantistoj havas kontaktojn kun samideanoj en Angouleme, Weston, Rostov kaj Gelendjiko. Ili ofte renkontiĝas partoprenante en interurbaj vizitvojaĝoj organizataj de urba buroo por internaciaj rilatoj (kio prizorgas aparte la rilatojn al la ĝemelaj urboj).Antaŭ kelkaj jaroj s-ro Fechler invitis esperantistojn el la ĝemelaj urboj kunlabore eldoni revuon "PONTOJ" por reciproke interligi kaj informi pri siaj vivoj en la diversaj urboj kaj intertempe jam aperis ĝiaj 6 eldonoj. Krome pri ĝemelaj urboj li mem redaktis germanan broŝuron kaj kvarfoje okazigis foto-ekspoziciojn. Li multe kunlaboris kun la buroo de Hildesheim, kiu subtenis tian agadon kaj agnoskis tiun ĉi laboron, tial PONTOJ ĝuis senpagan kopion de 100 ekzempleroj en la urbodoma kopiejo kaj estis dissendita de la buroo per la propra poŝtejo.

SERVA PLATFORMO

Belgio

En 2001, la jaro de la lingvo organizita de Eŭropa Uniĝo, S-ro Michael Cwik <Michael.Cwik@cec.eu.int> ellaboris projekton "ECHANGE" koncerne du-semajnan eksperimenton en la komunikado kaj lingva kampo inter ĝemelaj urboj kaj vilaĝoj havantaj partnerojn en zonoj kun pli ol du aliaj lingvoj kaj respektive diferenta lingva fono. Pro okupiteco de laboro li ne havas tempon traduki la anglan ECHANGE en Esperanton kaj esperas, ke iu ĝin faru.

Germanio

S-ro Bernhard Maurer <Bernhard.maurer@t-online.de> espere trovas kontaktpersonojn en la urboj Eskilstuna (Svedio), Stoke-on Trent (Britio), San Carlos (Nicaragua), Shenzhen (Ĉinio) kaj Richmond (Usono) ĝemelitaj kun la urbo Erlangen, kie li loĝas.

Pollando

Karaj esperantistoj en la germana urbo Duderstadt, vin serĉas Andreo <AMarsz@wp.pl> el via ĝemela urbo Kartuzy [germane Karthaus] en Pollando.

(La venonta numero aperos en septembro)

******************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-7100871 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com